*Vespera batas sonorilo,*
*Estu glorata Sankt-Mario,*
*Estu glorata Kristo-Filo...*
*Vespera batas sonorilo*
*Kaj ie mortas sono ĝia...*

*Iras tra kamp' animo sola*
*Doloroplena senkonsola*
*Tra la arbaro, tra la greno*
*Paŝas malĝoje kun ĉagreno*
*Kaj sian sorton ĝi malbenas*
*Pro la doloro kaj malĝojo,*
*Plendas kaj ploras kaj ĉagrenas*
*Tra la terura paŝas vojo...*

*Iras vidaĵo jen fantoma,*
*Ĉirkaŭe vento fajfas, blovas,*
*Eterne vagas ĝi sendoma,*
*Nenie lokon ian trovas...*
*Migras senhejme kun ĉagreno,*
*Sen la ripozo, sen haveno...*
*Paŝas tra kamp'en apatio,*
*Aflikton portas sur tempio...*

*Vespera batas sonorilo,*
*Estu glorata Sankt-Mario,*
*Estu glorata Kristo-Filo...*

Libere tradukis **Juljan Tuwim.**

---

V-a Cirkulero (Oficiale komunikita).

## Oka Universala Kongreso Esperantista.

11 — 18 aŭgusto 1912.




**ongresa poŝtoficejo.**

En la akceptejo estos aranĝita speciala poŝtejo, kies oficistoj parolos esperante. La oficejo estos malfermita konstante de la 8, matene ĝis la 7 vespere.

**Filia sekretariejo.**

Por plifaciligi al la kongresanoj la serĉadon de loĝejo la Komitato aranĝos en la stacidomo filian sekretariejon, por ke la kongresanoj tuj post eliro el la vagonaro, povu ricevi adreson de sia loĝejo. La enloĝiga oficejo en la stacidomo funkciados seninterrompe tage kaj nokte.

**La Ĉefpoŝtejo esperantigita.**

Laŭ peto de la Organiza Komitato la Krakova poŝta Administracio okupos dum la kongresa semajno en la ĉefpoŝtejo nur tiajn oficistojn, kiuj konas Esperanton. Krom tio esperantaj surskriboj en la oficejo plifaciligos al la kongresanoj la orientiĝon.

**Adreso de la kongresanoj.**

Korespondaĵoj destinitaj por la kongresanoj devas esti adresitaj tiamaniere: Kongreso Esperantista, por S-ro X. Y. el... (ekz. Parizo), en Krakovo, Aŭstrio--Galicio. La kongresanoj estas petataj informi pri tio siajn korespondantojn,

**Interkomunikiĝo de la kongresanoj.**

Por korespondado inter la kongresanoj estos aranĝita aparta poŝto, pri kiu zorgos unu el la komitatanoj. En la skribo ĉambro de la akceptejo estos ĉiam provizo da leterpapero por senpaga dispono de la kongresanoj. La interkongresa poŝto estos senpaga.

**Nomaro de la kongresanoj.**

La unua listo de la kongresanoj aperas en ĉi-tiu numero de „Pola Esperantisto". La listoj estos regule ĉiumonate publikigataj.

**Fakaj kunsidoj.**

En la tria cirkulero ni faris alvokon al la internaciaj asocioj, ke ili avizu nin pri sia intenco organizi kunsidojn dum la Kongreso. Ĉar la alvoko restis preskaŭ sen rezultato, kio bedaŭrinde tre malfaciligas al ni la starigon de l' kongresa programo, ni ankoraŭ unu fojon turnas nin al ĉiuj fakaj societoj kun varma peto, ke ili komuniku al ni, kiom da kunsidoj ili deziras aranĝi. La lasta tempolimo por tiuj avizoj estas la 1 de Junio. Avizoj, kiuj venos post tiu dato, ne povos esti konsiderataj de la Komitato.

**Albumo de la kongresanoj.**

Sendante, sian fotografajon, oni nepre skribu sur ĝia malantaŭa flanko sian antaŭnomon familian nomon kaj urbon. Tio estas necesa por eviti eventualajn konfuzojn.

**Rezervitaj numeroj.**

Ĉar la lasta templimo por la provizoraj aliĝoj jam forpasis la 1 de majo, la Komitato ne plu konservos la rezervitajn al ili numerojn.

*Loka Organiza Komitato.*

LIBERA TRIBUNO.

## Pri Centra Esperanta Organizo.

Se ni estas diskutontaj proponatan organizon de esperantistaro, ni devas konsideri ĝin ne tiom kiel la centran, sed kiel la parlamentan organizon.

La diferenco estas granda.

Parlamenta organizo tute ne kaŭzas centralizon. Kontraŭe: en la regnoj kaj ŝtatoj regataj de parlamentoj, centralizo estas plej malgranda, kaj estas plej granda en la regnoj kaj imperioj absolutaj, despotaj kaj monarĥiaj. Tial pli ĝuste estus la diskutadon mem titoli: „pri parlamenta organizo de Esperanto", anstataŭ: „pri centra esperanta organizo", por ne erarigi legantojn kaj ne trankviligi senbezone timantajn pro iaj ajn kaŭzoj centralizon.

Trairadas socioj homaj en sia evolucio diversajn formojn de organizo, kaj regataj estas komence de patroj kaj patriarkoj, poste de ĉefoj, tiranoj, princoj, reĝoj, kaj fine de prezidantoj. La estroj estis iafoje homoj plej bonaj aŭ plej saĝaj, pli ofte plej fortaj, plej ruzaj kaj eĉ plej malbonaj.

Nia esperanta socio de la samaj leĝoj dependas kaj la saman evolucion devas trairi.

Komence majstro mem kun unuaj siaj adeptoj estis aganto kaj reganto de la tuta afero, poste jam aperis Lingva Komitato kaj Bulonja deklaracio, nia unua regularo fundamenta, nun—parlamenta organizo.

Sed kvankam la samaj leĝoj regas ĉiujn homajn sociojn, diferenco tamen en evolucio de la politikaj kaj de nia lingva socio estas granda.

Dum naciaj kaj politikaj socioj ĉiun sian antaŭpaŝon per multaj oferoj, per multaj vivoj de plej bonaj homoj, per multo da sango verŝita—pagi devis, ĉar estraroj eĉ parton de sia povo cedi ne volis; nia majstro mem povon kaj aŭtoritaton sian rezignas, kaj volon de tuta esperantistaro kiel fonton de povo kaj daŭran por estonteco fundamenton de organizo montras. Liaj vortoj: „Oni ĉesos konstante sin turnadi al mi, kiu hodiaŭ vivas kaj morgaŭ povas ne vivi, kaj kiu cetere havas nek rajton, nek deziron solvi ĉiujn disputojn propradecide" — deklaras, ke venis jam la tempo montratan fundamenton akcepti kaj uzi.

Ĝuste diras H. Balzac, ke nia inklino al ia afero dependas de niaj penoj, laboroj kaj deziroj kun la afero ligitaj. Se ni estus devigataj batali, por atingi organizon de rajtigita voĉdonado, ni ŝatus la organizon pli multe; se ni povas havi ĝin sen oferoj, ni malpli ĝin ŝatas, kaj demandas nin, ĉu ĝi efektive estas bezona kaj ĉu ĝi ne estos malutila?

La konfuza kaj senorda diskutado mem pri la demando en Antverpena kongreso kaj plendoj de konataj esperantistoj pruvas, ke la organizo estas jam bezona. Se jam ekzistus parlamenta organizo, la protokolisto ne rifuzus konigi proteston de la grupo *Unua kongreso*. Kontraŭ tio en parlamenta organizo estus farita interpelacio.

Konsideru, delegotoj, al Krakova kongreso la tre saĝajn kaj belegajn vortojn, eldiritajn al vi en „Lingvo Internacia" de ĝia redaktoro profesoro Cart: „Danĝera estus por ni, Esperantistoj, la libereco, nur se ni ne respektus la Fundamenton, kondiĉon de interna ordo; sed, se ni lojale akceptas la Fundamenton kaj ĝin respektas, kial ni do timus la liberecon, kondiĉon de vivo"?

En februara numero de „Pola Esperantisto" mi diris, kiamaniere povus, laŭ mi, Lingva Akademio esti ŝirmo, por nia lingvo kontraŭ novaj, malutilaj aŭ antaŭtempaj enkondukaĵoj, kaj kontraŭ atencoj de homoj malbonaj kaj ruzaj, al ĝi malamikaj; por la sama celo povus lingvaj demandoj esti allasataj en kongresojn kaj diskutataj de rajtigitaj delegitoj, nur en du okazoj, nome:

1-e, se ili de Lingva Komitato mem estos transdonitaj, kaj 2-e, se ilin prezentos difinita nombro de delegitoj, ne kontentigitaj per decido de Lingva Komitato.

La lasta okazo estus speco de interpelacio.

*K. Wasilewski.*

## Pri la Centra Organizado.

(Alvoko al ĉiuj veraj esperantistoj).

Ĝis nun ni havis en la demando de „Centra Organizado" nur trankvilan diskutadon inter la partianoj de du kontraŭaj projektoj. Kiam nun ni alvenis al forta streĉo de reciprokaj interrilatoj, al reciproka malpaca disputado,—kiam nun minacas disduiĝo de la esperantistaro en 2 malamikajn partiojn, kiuj anstataŭ iri kune, batalos unu kontraŭ la alia

kaj detruos la verkon, konstruitan kun tiela penado, — kiam tiu batalo estas oportuna nur por niaj malamikoj, kiuj certe eltiros konkludon, ke inter la esperantistoj ne povas ekregi konkordo kaj harmonio,—estas granda tempo ordigi la aferon kaj eĉ distranĉi la maturan absceson... Eble la distranĉado estos iom dolora por ambaŭ batalantaj partioj, kiuj devos rezigni de kelkaj punktoj el sia programo, — sed eble tamen fine ĉesos la batalo kaj ekregos la paco, frateco kaj amikeco.

La afero estas des pli grava kaj urĝa, ke ni havos post nelonga tempo la Jubilean Krakovan Kongreson, kiu devas porti pure festan karakteron, devas fariĝi granda esperanta triumfo, triumfo por nia Majstro, ke la I-a, la plej malfacila periodo, pasis feliĉe kaj ni nun eniras en la II-an periodon de pli facila kaj pli trankvila laboro, — ke ni proksimiĝas al la fina venko, — ke ni sukcese kontraŭstaris la atencojn eksterajn kaj internajn... Dume estos tre kredeble, ke ĝuste en Krakovo ektondros la frata batalo, ekbrulos la pasioj kaj ni, anstataŭ festo, havos malĝojan spektaklon..., eĉ eble la komencon de pereo da nia afero por longa tempo.

Sed kia estas la kaŭzo de tiu batalo? Ĉu efektive ekzistas tiel gravaj malhelpoj, ke oni ne povus aranĝi la aferon per reciprokaj interkompreniĝoj kaj reciprokaj cedoj?

Mi provos klarigi la kaŭzon en kelkaj vortoj. Ekzistas propono fondi novan „centran organizacion" de la esperantistaro, kiu okupiĝus pri la tuta propaganda, poresperanta laboro. Formiĝis baldaŭ 2 kontraŭaj partioj, kiujn mi nomos por distingo: „malnova" kaj „nova".

La „*malnova*" partio ekzistas delonge. En diversaj landoj, precipe en Francujo, aperis gravaj personoj, kiuj faris grandegajn servojn por la disvolviĝo kaj enkonduko de nia lingvo en tiuj landoj. Ni citos nur kelkajn: D-ro Javal, gen. Sébert, prof. Cart, Bourlet k. al. Tiuj ĉi personoj, laŭ la proverbo: „noblesse oblige" tenis en siaj manoj dum longa tempo, kiam aliaj forestis, la standardon de nia ideo, — ili opiniis sin tiam kvazaŭ reprezentantoj de la tuta esperantistaro, ĉar neniu tion pretendis, tion pli ke tiuj malavaraj personoj elspezadis multe da mono el sia poŝo... Tiamaniere estis fondita la t. n. „Centra Oficejo", institucio kvazaŭ oficiala, sed tamen tute privata kune kun la „Oficiala Gazeto", — tiamaniere estis organizita la „Konstanta Komitato de Kongresoj", celanta la aranĝadon kaj subtenadon de ĉiujaraj esperantaj kongresoj.

Antaŭ kelkaj jaroj aperis sur la esperanta horizonto *novaj*, junaj fortoj, kiuj prenis sur sin la gravan taskon apliki nian lingvon jam nun, ne plu atendante, al la praktika vivo, al la homaj interrilatoj inter diversnaciaj, al la komerco, turismo k. t. p. Ili fondis la konatan Universalan Esperantan Asocion (U. E. A.).— Ni ĉiuj bone scias, kiel rapide kaj potence tiu Asocio disvolviĝis, kian grandegan utilon ĝi jam alportis kaj nepre en estonteco alportos,—ni ĉiuj estas frapitaj pro la granda energio kaj spriteco de ĝiaj kondukantoj, kiuj liveras al la anojn gravajn servojn por la malgrandeta jara kotizaĵo de 0,50 Sm.

Jen tiuj 2 partioj renkontiĝis en la demando de la „centra organizado" kaj ekbatalis, ĉar ĉiu deziras preni en siajn manojn la estradon. La esperantistaro dividiĝis baldaŭ en 3 partioj: a) partianoj de la „centra organizacio" b) kontraŭuloj, c) indiferentaj. La partianoj dividiĝis en adeptojn de U. E. A. kaj adeptojn de malnova „Centra Oficejo" kun gen. Sebert en la ĉefo.

Ni konsideru nun antaŭ ĉio. *Ĉu efektive tiu „Centra Organizacio" estas por ni necesa?*

Por la „*poresperantaj*", praktikaj servoj ni jam havas la bonege funkciantan U. E. A. kiu koncentriĝis jam sian anaron en siaj manoj, kreis la postenojn de delegitoj, konsuloj k. t. p., ĉirkaŭvolvis la tutan mondon per reto da siaj reprezentantoj; ĉiu esperantisto, deziranta uzi ĝiajn servojn, aliĝas memvole por 0,50 Sm. jare.

Sed ekzistas ankoraŭ la „*poresperanta*", propaganda laboro, la disvolviĝo de nia ideo en novaj landoj, la subtenado en malnovaj landoj k. t. p. Ĉu tamen tiu laboro bezonas centran organizacion? Tute ne, ĉar ĉiu lando konformiĝante al lokaj moroj, devas mem fari necesan propagandon; tiel okazis ĉiam kaj ĉie, tiel okazos en estonteco. Franco ne instruos ĉe Turkoj la esperantan lingvon, tion povas fari nur Turko.

Tamen, laŭ mia opinio, ni bezonas ian centran organizacion, pliĝuste „*Centran Komitaton*" por jenaj celoj:

1) Por *reprezentadi* la esperantistaron ekstere, en rilatoj kun regnaj registaroj, kun Internaciaj Kongresoj, Internaciaj ekspozicioj, kun la Centra Komitato de la Ruĝa Kruco, Centra Poŝta Oficejo k.t.p. k.t.p. Nun ni bedaŭrinde havas nenian personon, kiu rajtus pa-

roli en la nomo de la esperantistaro kaj tio al ni ofte malutilas; nun faras tion iafoje okaze privataj personoj, de propra iniciato. Sed se eĉ troviĝas tia persono, li estas sen armaĵo, sen necesa statistika materialo... Sekve la Centra Komitato estas necesa ankaŭ

2) Por *kolektadi la tutan statiskan materialon*, koncernantan nian movadon en la tuta mondo, por koncertriĝi ĉiujn esperantajn eldonaĵojn, verkojn, gazetojn, cirkulerojn k. t. p. Trie ĝi estas necesa

Por *aranĝadi ĉiujare la Internaciajn Esperantajn Kongresojn* kune kun la ĉiujara loka komitato.

4) Por *subtenadi la Lingvan Komitaton kun la Akademion*, kiuj estas do gardistoj de la netuŝebleco de nia lingvo.

Ni devas klare diri, ke nia „Centra Komitato“ havas neniajn aliajn celojn, krom la 4 supraj,—ke ĝi tute ne devas opinii sin ia registaro esperanta, ke ĝi havas neniajn rajtojn, eĉ rilatojn al ĉiu aparta esperantisto,—ke ĝi akceptas nur malfacilajn taskojn. Plenumi tiajn taskojn povas nur homoj kompetentaj, sendependaj, fervoraj, sindonaj kaj starantaj super la privata ambicio,—tiaj homoj devas esti elektitaj de vastaj rondoj de esperantistoj.

Kiamaniere ni povus tion *aranĝi?*

Mi pensas, ke en la ĉefo de tia „Centra Komitato“ nepre devas stari dumvive nia Majstro, ĝia I-a membro. II-a membro povas fariĝi reprezentanto de la Lingva Komitato, elektota de Lingvo komitatanoj; III-a membro estus reprezentanto de U. E. A., elektota de U. E. A-anoj; la IV-a, V-a kaj VI-a membroj povus esti reprezentantoj de 3 landoj kalkulantaj la plej grandan nombron da esperantaj grupoj, sekve en la unua jaro po 1 membro el Francujo, Anglujo kaj Germanujo, elektota de samnaciaj grupoj.

La „Centra Komitato“, konsistanta el similaj 6 personoj, reprezentus tre bone la esperantistaron antaŭ oficialaj gravaj institucioj krom tio kolektus esperantan dokumentaron, aranĝadus niajn kongresojn kaj zorgus pri nia grava lingva institucio, la Lingva Komitato Ĉiujare ĝi presigus raportojn pri sia agado, dissendotajn al ĉiuj senescepte esperantaj grupoj de la mondo.

Sed *el kia fonto ĉerpus* nia „Centra Komitato“ monon por siaj elspezoj? Tiuj elspezoj ne estus tre grandaj kaj ili estas riceveblaj tiamaniere:

1) Ĉiu esperanta verko devus porti signon „*aprobita de Lingva Komitato*“, sen tiu signo ni devus nek aĉeti, nek legi ian libron, precipe en la lasta tempo tiel multiĝis malbonstilaj libroj, ke fariĝis necese havi garantion, ke la lingvo en novaperanta verko estas efektive pura, fundamenta, ne pseŭdoesperanta. La Lingva Komitato povus postuli por tiu „aprobo“ pagon de 3—5 Sm., kio farus jare 300 — 600 Sm.

2) Ĉar la „Centra Komitato“ reprezentadus ĉiujn esperantajn grupojn kaj entute plenumus malfacilajn taskojn, ĉiu grupo devus subteni ĝin per malgranda jara kotizaĵo de 2—3 Sm. laŭ la nombro de siaj anoj. Tiamaniere ni akirus ĉirkaŭ 2000 Sm., kiuj kune kun la supra sumo sufiĉus por kovri deficitojn de kongresoj k. t. p.

Ne dezirante nun larĝigi mian artikolon per detaloj, mi nur pensas, ke tiu aranĝo estas bone efektivigebla, se ambaŭ batalantaj partioj, memorante pri siaj grandaj ĝisnunaj meritoj por nia afero, ne ekvolos pereigi ĝin por privataj ambicioj, sed forgesante pri la ambicio kaj titoloj, premos siajn manojn amike, renkontiĝos en la estonta „Centra Komitato“ kaj laboros tie kune por nia komuna bono.

Se tio ne okazos, la Krakova Kongreso pereos, ĉar ĉiuj trankvilaj esperantistoj (t. e. la plej multo) ne alveturos, timante disputojn kaj skandalojn (legu artikolon: „Ĉu ni iros Krakovon?“ en Le Monde Espèrantiste de Februaro 1912). Alvenos nur la batalantoj pri estrado, kiun ili tamen ne akiros sen konsento de la esperantistaro, eĉ se la kongreso „kvazaŭ“ tion decidos.

En tiu loko mi ne povas ne atentigi, ke kongresoj neniam devas ĝenerale *decidi* iajn demandojn, tuŝantajn la tutan esperantistaron, sed nur *proponi* decidojn, kiuj fine devas nepre esti submetataj al voĉdonado de ĉiuj grupoj. En Kongresoj ne partoprenas ĉiuj kompetentaj samideanoj, ili restas sen voĉo.

Se mia supra propono pri la „Centra Komitato“ trovos simpation ĉe samideanoj, estus necese tuj *turni sin al la Majstro kun peto*, ke li ne rifuzu (kiel li kutime faras) partopreni en la „C. K.“, por ke lia aŭtoritato aldonu gravecon al la „C. K.“ kaj lia ĉeesto donu al ni garantion, ke ĝi laboras cele.

Se la Majstro konsentus (kiel eble plej multaj grupoj kaj personoj devas sin turni al li), tiam la Lingva Komitato unuflanke kaj la U. E. A. aliaflanke rapide elektus siajn 2 membrojn, fine la 3 landoj elektos antaŭ la Krakova Kongreso siajn reprezentantojn, —

por ke ni havu jam en Krakovo *pretan „Centran Komitaton“* (restas do ankoraŭ 3 monatoj). Se tio okazus, ni deprenos el la kongresa tagordo la demandon de „Centra Organizado“ dank' al kio tuj malaperos la timo pri la sukceso de la kongreso,—ĉar ni ĉiuj plezure kaj sentime alveturos kaj renkontos nepre la plej grandan kaj solenan feston, kiun ni ŝuldas al nia Majstro.

Fratoj, vivu la paco kaj unueco! Nia forto en unueco!

Varsovio, la 4, V, 12. *D-ro W. Robin.*

# Opinje wybitnych francuzów o Esperancie.

**Alfred Loreau, Zarządzający Bankiem Francuskim,** pisze do esperantystów paryskich:

Otrzymałem uprzejme zaproszenie prezydowania na zebraniu esperantystów; zostałem tem zdziwiony i odpowiedziałem przyjacielowi - esperantyście p. Archdeacon: Nie jestem bynajmniej waszym adeptem, znającym wszystkie tajniki i całe bogactwo waszego języka, jestem tylko apostołem waszym, ale jeżeli z tego tytułu chcecie mnie dla sprawy, której tak dobrze bronicie, jestem z wami całym sercem, rozporządzajcie moją osobą.

Wiedza się zupełnie zdemokratyzowała: niema uczonych piszących po łacinie, a zresztą gdyby nawet i to było, jakże mało osób zrozumiało by ich. Dla dzisiejszych wymagań i potrzeb potrzebne było nowe narzędzie. Na to żeby go stworzyć trzeba było uprościć słowniki i gramatyki całej Europy. Temu trudnemu zadaniu podołał Dr. Zamenhof całkowicie. Wasz język jest dokładnym w swej formie, logicznym w swej metodzie, prawidłowym w swej budowie, nie ulega zatem wątpliwości, że Esperanto jest tem narzędziem. Do używania go trzeba gorąco zachęcać.

Ma on jednakże licznych przeciwników, z którymi należy walczyć energicznie, aby ich pokonać.

Spotkałem się niedawno z dobrym swoim przyjacielem, członkiem Akademji franc., a kiedy mu powiedziałem, że będę miał zaszczyt prezydować na zebraniu esper. wykrzyknął: „Niepodobna, Esperanto robi konkurencję jęz. francuskiemu; przyjacielu Loreau! nie przyłożysz chyba do tego ręki? Zresztą cóż jest Esperanto? Pozostańmy obrońcami naszej Francji i nie dajmy się wciągnąć na tę drogę.

Odpowiedziałem mu: Przed wydaniem takiego wyroku, może należałoby dobrze się rozpatrzyć w całej sprawie. I zacząłem mu tłómaczyć, dla czego z punktu technicznego uważam ten język za cudowny i dlaczego mnie się wydaje Esperanto najlepszym pomocnikiem do nauki francuskiego. Przytoczyłem mu zdanie, jakie znalazłem w książce p. Archdeacon: „Tłomaczenie esperanckie jest wierną odbitką, którą można otrzymać z oryginałów o rozmaitej treści.“ I dodałem: Co może być wynikiem Esperanta? On może nam pomódz do zapoznania cudzoziemców z naszym krajem. Obok naszego języka, będziemy mieli giętkie narzędzie, które pozwoli wykazać wszystkie bogactwa naszego kraju, kazać je uznać i ocenić i nakazać miłość dla Francuzów. W dalszym ciągu rozmowy przypomniałem mu, co się działo w epoce zaprowadzenia kolei i wyliczyłem wszystkie opozycje jakie były udziałem tego epokowego wynalazku.

Później to samo działo się z automobilami.

Po samochodach przyszła kolej na awjatykę. Nasz przyjaciel p. Archdeacon kazał powietrzu zastąpić drogi, każe w przyszłości krążyć po niem naszym pojazdom. Wynalazek ten należy dokompletować wspólnym językiem międzynarodowym, a my wszyscy musimy pomagać mu na tej drodze.

Pamiętam, kiedy p. Roosvelt przybył do Paryża—tego środowiska oświaty, na konferencji p. Liard powiedział mu: „Wiemy, że pan jest człowiekiem, który swoje wyrazy zamienia w czyny“. Ja, ze swej strony, przyrzekam zamienić swoje słowa w czyny, i zamiast powrócić do was jako apostoł, przybędę jako wasz adept.

**En 1912 jaro „POLA ESPERANTISTO“ aperadas regule ĉiumonate en iom pligrandigita amplekso kun ilustrajoj. La programo estas plivastigita kaj plidiversigita.**

**JARA ABONPAGO: afrankite rb. 2.50 = $ 2.65 kun „LITERATURA ALDONO“.**

**Adreso: WARSZAWA, la Redakcio — Włodzimierska 8, la Administracio — Hoża 20.**

# El Esperanta Mondo.

**Literatura konkurso de „Germana Esperanto-Gazeto“.**

Rigardante ke la enhavo de nia gazeto ne sufiĉe prezentas verkojn, kiuj en ĝenerale komprenebla kaj alloga formo traktadas temojn pri la nuna stato de teknikoj kaj popolsciencoj, ni per tio elskribas konkurson pri tiaj disertacioj

**fondedonante ensume 100 spesmilojn**

por minimume du, maksimume tri premioj por la plej bonaj verkoj, alsenditaj al ni ĝis la 1-a de julio 1912. Ĉiuj verkoj restos nia posedajo La temo neniel estos specialigata de nia flanko. Por eviti konfuzon, oni signu konkurontajn alsendajojn per la vortoj „Por la konkurso G. E. G. 1912“ kaj adresu al la

**Eldonejo de „Germana Esperanto-Gazeto“**

Magdeburg, Kaiser-Friedrichstr. 1 (Germ.) kiu dissendas ankaŭ pli precizajn kondiĉojn riceveblajn kun specimeno por respondkupono.

**Ne prokrastu la legadon de ĉi tiu cirkulero enhavanta gravajn avizojn!**

**Esperantista Poŝkalendaro 1912.**

Berlin S, W., 68 Esperanto Verlag Möller kaj Borel. Prezo: 0,40 Sm.

Tiu nuna eldono de la konata Esperantista Poŝkalendaro redaktita de D-ro Alb. Schramm estas vere tre oportuna kaj riĉenhava malgraŭ la maldikeco de 142 paĝa libro.

Efektive ne nur ĝi entenas tion, kion oni kutimas renkonti en tiaspecaj verkoj, sed ankaŭ la memorindajn esperantajn datojn — la himnon esperantistan—la deklaracion pri Esperantismo—detalojn pri la kongresurbo Krakovo — notojn pri la fundamento, la Esperantista Centra Oficejo, lingva komitato, Akademio.—Konstanta Komitato de la Kongresoj. — Internacia Reprezentantaro. — Kongresa Regularo.—Universalaj Kongresoj de Esperanto.— La progresoj de Esperanto kun skembildo de tiuj progresoj pri Universala Esperanta Asocio.—k. t. p.

Ĝi estas kvazaŭ esperantista enciklopedieto.

Ni tre rekomendas ĉi tiun necasan al ĉiu libreton.

**Alvoko.**

La dentkuracistaro de Germanujo ekinteresiĝas pri Esperanto. Mi volus agiti, ke Esperanto estu la oficiala lingvo en la Internacia dentkuracista kongreso de 1914 en London. La „Zähnärzliche Rundschau“ tre disvastigata fakgazeto donis al ni esperantan angulon. *Nun mi petas ĉiujn samideanojn helpi al ni en la entreprenita tasko.* Precipe mi petas ĉiujn dentkurac-, kurac-, apotek-, ĥemi-, jur-istojn k. t. p. sendi al mi pli malpli grandajn artikolojn interesajn por dentkuracistoj! Ankaŭ la aliajn samideanojn mi petas sendi artikolojn kiuj koncernas dentkuracistajn aferojn en ilia lando. La redaktorojn mi petas helpi, ke tiu-ĉi afero estu Konigita al la dentkuracistaj gazetoj de ilia lando. Sed ĉiujn esperantistajn dentkuracistojn mi petas sendi al mi adresojn.

Dentkuracisto *H. Blum*,
Berlin-Wilmersdorf, Prinzregentenstr., 120.

**Por la Sveda Parlamento.**

Ni ricevis jenan leteron:

Karaj samideanoj, Okaze de propono, jus prezentita al la Sveda parlamento, kiu celas:

Ke la parlamento petu de la reĝa registaro ekpripensi, ĉu kaj kiumaniere oni de sveda flanko devos kaj povos iniciati la starigon de oficiala internacia interkonsiliĝo kaj interkonsento pri la **kreado** de tutmonda lingvo aŭ internacia helplingvo“.

La sveda esperantistaro decidis protesti per cirkulero, kiu, montrante la nunan staton de Esperanto kaj konstatante la efektivan vivon de nia lingvo, atentigus al nia afero ĝis nun preskaŭ tute nesciantan pri la esperanta movado svedan parlamenton.

Ni intencas disdoni la cirkuleron al ĉiuj membroj de l' parlamento kaj al ĉiu sendajo aldoni kiel eble plej multajn esp presajojn, por ke jus antaŭ la pritraktado de la propono troviĝu je tiu okazo sufiĉe granda materialo por pruvi la ekzistadon de nia lingvo. Por ke tiu kolekto de esperantajoj estu kiel eble plej plena, estas necese, ke ĉiu samideano laŭpove sendu al ni **senprokraste** gazetojn, broŝurojn reklamilojn komercajn, gvidfoliojn k. t. p.

Je la nomo de sveda esperantistaro

*G. H. Backman*

Adreso: Helsingborg (Svedujo).

**Jubileo de prof. Brandt.**

30-an de Marto oni festis en Moskvo 25-jaran jubileon de scienca laboro de R. F. Brandt, profesoro de Moskva Universitato kaj fervora esperantisto.

Nia Redakcio kaj Pola Esp. Societo sendis al la estimata jubileulo gratulajn telegramojn.

# Kroniko.

**Varsovio.**

4-an de Aprilo okazis jara kunveno de Pola Esp. Societo. Post tralego de la raporto de sekretario kaj raporto de la Revizia Komisio, oni elektis por 1912 jaro jenan komitaton:

*Prezidanto*—S-o A. Grabowski, *Vic-prezidanto* — S-o J. Günther, *Sekretario*—S-ro B. Jablkowski, *Kasisto*—prof. A· Lipski, *Bibliotekisto* — D-ro L. Chybczyński; *Membroj anstataŭantoj*: D-ro Dubrowicz, D-ro Krenicki, D-ro Nauman, D-ro Robin; *Revizia Komisio:* S-oj: Hirszowski. Koliński, Lotto kaj Woyde.

— 2-an de Majo okazis monata kunveno de Pola Esp. Societo. Tre interese kaj aplombe faris lecionon de Esperanto por gastoj prof. A. Lipski, S-o Grabowski subtile kaj imprese deklamis sian plej lastan majstran tradukon de sublima poemo de Z. Różycki „Prometeo".

S-o Jabłkowski komencis diskuton pri la Centra Organizo, sed ne estis kulpo de la parolanto, ke ĝi donis nenian rezultaton. La aŭskultantoj—plejparte gastoj aŭ esperantistoj, esprimis nenian opinion Cetere—dum kelkdekminuta tempo oni neniel povas solvi aŭ eĉ opinii pri la afero, kiu en la tuta esperantista mondo elvokis grandan bruon de interbatalantaj opinioj kaj foruzis multe da inko kaj da papero.

La ĉeestantoj admiris eksterordinaran aplombon kaj fluecon de parolado, dirita de la juna samideano S-o Litauer, kiu tute ĝuste meritis tondrajn aplaŭdojn, parolante pri la venonta kongreso kaj antaŭkongreso en Varsovio.

**Łódź**

S-o Parrish havis paroladon, pri Kalifornio.

La interesa parolado, tradukita polen de S-o Ender, amasigis ĉirkaŭ 200 personojn.

**Parolado pri Kalifornio.**

28-an de Aprilo mi havis okazon admiri mirindan belecon de Kalifornio, patrujo de S-o Parrish — delegito de Komerca Ĉambro en Los Angelos, kiu jam unu jaron vojaĝas tra ĉiuj urboj de Europo kaj rakontas al europanoj pri nekomparebla pentrindeco de Kalifornio, pri ĝiaj naturaj trezoroj, industrio, kulturo k. t. p. Samtempe S-o P. propagandas nian lingvon, kiu malkovris novan vojon por diverscela reklamado. La paroladon S-o P. ilustras per speciale faritaj ducent grandaj lumbildoj. Ili faras neforgeseble ĉarman impreson ne nur sur aŭskultantojn sed ĝenerale sur ĉiujn rigardantojn, kiuj ne komprenas Esperanton. En nia Novembra, pasintjara n-ro ni detale priskribis la paroladon do nun ni limigas nin ĝis esprimo de nia granda plezuro kiun ni ĝuis, rigardante veran kalejdoskopon de ravigaj kaliforniaj pejzaĝoj kaj belaĵoj. Koran dankon meritas S-o Parrish kaj S-oj Grabowski D-ro Robin, D-ro Chybczyński, Hirszowski kaj Tejchfeld, kiuj klopodis aranĝi la paroladon.

La salono de la Teknikistoj — kie okazis la parolado estis plenplena da publiko (ĉirkaŭ 550 personoj).

S-o Parrish en akompano de S-o A. Grabowski, vizitis plej gravajn varsoviajn jurnalojn en kiuj poste aperis favoraj artikoloj pri la parolado.

**Pola gazetaro.**

Ĝoje ni povas konstati, ke lastatempe en la pola gazetaro vekiĝis pli da intereso por nia afero, kion pruvas la sube cititaj gazetoj.

*Kurjer Polski* en Varsovio, presis du tre simpatiajn artikolojn pro la parolado de S-ro Parrish pri Kalifornio.

*Rozwój Łódzki kaj Nowy Kurjer Łódzki* aperigis artikolojn pri la parolado de S-ro Parrish.

*Tygodnik Suwalski kaj Litwa.* Artikolo de prof. Forel pri Esperanto (represaĵo el P. E.).

*Kurjer Poznański.* Propaganda artikolo de nia brava samideano Adam Brzoza.

*Kurjer Kaliski.* La gazeto rilate al Esperanto okupas sundube unuan lokon en la vico de amikaj al Esperanto gazetoj.

Ĝia redaktoro S-o Wincenty Szatkowski estas honora membro de Kaliŝa Societo „Lumo". Ni tutkore gratulas kaliŝajn samideanojn pro tia multvalora akiro de influa amiko. Same kore ni dankas S-on Red. Szatkowski pro lia propagando. En *dekkvar* aprilaj n-roj de *Kurjer Kaliski* ni trovas bonegajn artikolojn pri Esperanto kaj pri la movado. Inter alie estis presita referato de D-ro Zamenhof pri La Reskongreso en Londono.

*Nowa Gazeto.* Favora artikolo pri Esperanto.

*Myśl Niepodległa.* Artikolo „Esperanto kaj poloj" verkita de Redaktoro Andrzej Niemojewski, fervora esperantisto ne nur idea sed fakta, bone posedanta nian lingvon.

**Francja.**

— Znakomici awiatorzy francuscy: Farman Conneau (Beaumont), Vidart, Gibert, Kimmerling, Train, Deperdussin - są zapalonymi esperantystami.

— W Poitiers, dyrektor normalnej szkoły prowadzi kurs Esperanta dla uczniów szkoły—przyszłych nauczycieli.

35 ciu nauczycieli szkół początkowych departamentu Grenoble Isére, zapisało się do nowopowstałego tow. „Esperanto w szkole".

**Belgja.**

— Esperantysta, ks. Van Rossum został kardynałem.

— W związku pedagogicznym w Charleroi wygłoszono w obecności 200 nauczycieli i nauczycielek odczyt o Esperancie.

**Niemcy.**

— Niemiecki związek esperantystów otrzymał od esper. Frieda, laureata premji Nobla, dar—5000 marek.

— W Kolonji, w związku niemieckich dentystów, zorganizowano kursy jęz. Esperanto.

Esperantyści niemieccy proponują założenie kolonji esperanckiej w Brazylji. Szczegółów w tej sprawie udziela p. Mayerhauser. Bad Rnichenhall, Deutschland.

— Przyjazne artykuły o Esperancie pojawiają się w prasie niemieckiej coraz częściej.

**Saksonja.**

— Drezno śmiało można nazwać niemiecką stolicą ruchu esperanckiego: 175 firm oraz instytucji publicznych posiada Esperanto i praktycznie korzysta z języka; Po esperancku można się rozmówić w 3-ch wydziałach Centralnego Urzędu Policji, w 19 cyrkułach policyjnych i w 3-ch urzędach pocztowych.

**Szwajcarja.**

Dzięki propagacyjnym artykułom znakomitego profesora Augusta Forela, Esperanto zyskuje popularność w kołach lekarzy. Utworzono związek szwajcarskich lekarzy-esperantystów; prezesem związku jest T. Christen, profesor Uniwersytetu w Bernie.

**Kongresaj markoj.**

Kongresaj markoj de Krakova Kongreso estas aĉeteblaj en nia Redakcio po 5 kop. por 10 markoj.

**Kursy jęz. Esperanto.**

W poniedziałki, środy i piątki o godz. 8-ej wiecz., w gimn. gen. Chrzanowskiego (Smolna 30) odbywać się będą lekcje niższego kursu jęz. Esperanto. Kurs prowadzi p-na Marja Zakrzewska. Opłata za 12 lekcji wynosi rubli 1,50 kop. Zapisy przyjmuje redakcja naszego pisma.

## Korespondaĵoj.

### Tra Galicio.

**Tarnovo.**

**Solena vespero esperantista** okazis 3-an de Aprilo en Tarnów en salono de „Gwiazda" (Stelo). Alvenis ĉirkaŭ 100 personoj, parolis, malferme en pola lingvo S-o *Zielenkiewicz*, pri la ideo kaj praktika uzo de lingvo internacia. En koncerta parto sekvis deklamoj. El ili ni devas citi belajn deklamojn de S-o Münch (Paŭlo kaj Gaŭlo,—Monologo de Johanno el „Virgulino Orleana"), de F-ino Z. Kronenberg (Antaŭ la juĝeja krado) kaj deklamojn de fraŭlinoj, kiuj finintaj la kurson. Komencan parton de „Marja" de Malczewski deklamis S-o Migdał; delegito de U. E. A., S-o Fluhr deklamis „Al amikoj". La publiko tarnova, kiu havis okazon unuafoje aŭdi nian belsonan lingvon, interesiĝis multe pri nia afero kaj aplaŭdis deklamojn kaj kanton de f-ino Pilny. Pri temo „Ni estu esperantistoj" parolis en Esperanto S-o Kronenberg. La vespero finiĝis per ĥoro „Agordu la brustojn", dumpaŭze oni multnombre pririgardis riĉan esperantistan ekspozicion.

**Tarnovo.**

**Kurso de Esperanto por policistoj** en Tarnovo, estas kondukata kun permeso de tiea magistrato. Kurso estas vizitata de 50 personoj: kondukis ĝin komence la subskribinto, nune S-o Migdał, seminariano. Oni povas ĝoje konstati, ke vivo esperantista en Tarnovo grandege pliviĝiĝis lastatempe; al tiea grupo aliĝis 50 novaj anoj. *En Bochnia* 25-an de Marto parolis publike pastro D-ro Alfons Krajewski el Zator pri la temo „Nuna stato de esperanta afero". Rezultato de la parolado: nova kurso kun 15 personoj, kondukata de instruistino F-ino Z. Kronenberg.

*En Dąbrowa* apud Tarnów parolis 24-an de Marto S-o Kronenberg pri „Esperanto kaj

esperantismo“. Alvenis 30 personoj; inter ili tiea urbestro kaj distriktestro. Post la prelego okazis prova senpaga leciono de Esperanto. *L. Kronenberg*

**Lwów.**

— 2-an de majo lvova „Societo Esperanto“ malfermis novan kurson de nia lingvo. Kurson gvidas prezidanto S-ro Wierzchowski laŭ bonega lernolibro de Br. Kuhl.

En *Kołomyja* niaj junaj samideanoj S-roj Kuźma kaj Kalmus sukcesis varbi por nia lingvo kaj ideo preskaŭ 50 anojn inter ĉi-tiea gimnazia junularo.

Kiel ni sciiĝis *S-ro Kwitner* forlasas **Stanislavov'on**. Ni esperas, ke semo jetita de li, elkreskos baldaŭ kiel forta arbo de nia ideo.

Ĉiuj abonantoj de „Pola Esperantisto“, kiuj abonas la gazeton pere de lvova „Societo Esperanto“ estas petataj sendi reklamaciojn pro nericevo de la gazeto direkte al Administracio kaj ne al lvova „Societo Esperanto“.

*Wierzchowski* prezidanto — *Wł. Giereuszkiewicz* sekretario

## Fakty.

**Samolotami z Paryża do Pekinu przez Kraków.** Redakcja paryskiego dziennika *Matin*, organizującego, jak wiadomo, lot okrężny samolotów z Paryża do Pekinu, zwróciła się listownie do generalnego sekretarza VIII Wszechświatowego Kongresu esperantystów w Krakowie, dra Leona Rosenstocka z zawiadomieniem, że lot okrężny samolotów organiz. przez red. na wrzesień z Paryża do Pekinu, odbędzie się przez Kraków i że *Matin* projektuje w Krakowie utworzenie przystanku dla lotników, biorących udział w tym konkursie. Z tego względu redakcja zwraca się z prośbą do esperantystów polskich w Krakowie, aby w razie potrzeby użyczyli pomocy przybywającym do Krakowa lotnikom. Prośba *Matina* opiera się na tej podstawie, że światowe kluby żeglugi powietrznej i szkoły aeronautycznej przyjęły u siebie za język obowiązujący międzynarodowy język Esperanto.

Na życzenie pisma paryskiego, krakowscy esperantyści zajmą się poczynieniem odpowiednich przygotowań na przyjęcie uczestników konkursu samolotów. („*Goniec*“)

War. Tow. Esper. ofiarowało swoją pomoc, bo lotnicy będą przelatywać przez Warszawę.

## Bibliografio.

**N. V. Gogol. Portreto. Rakonto.** El la rusa lingvo tradukis D-ro Andreo Fiŝer. Paris 1911. Presa Esperantista Societo, Rue Lacépède 33 Paĝoj 86, prezo Sm. 0,500.

Jen tre interesa rakonto pri mistera portreto de uzuristo, kies demonajn okulojn la pentristo prezentis kun tia talento, ke ili kvazaŭ vivaj rigardas kaj timigas la homojn. La malutila agado de l' uzuristo postvivas en ĝia portreto, ĉar la bildo, ŝanĝante la posedantojn kaŭzas ĉie malfeliĉon.

La tradukinto esperantigis la verketon tute lerte, tamen lia stilo enhavas kelkajn novajojn pri kiuj oni povus disputi. Li uzas ekzemple la radikojn „ek“ kaj „ad“ kiel memstarajn verbojn: „Li ekis preni“ „Li ekis ĝin rigardi“ „Lunbrilo adis kuŝi sur tegmentoj“.

La tradukinto imitas ankaŭ kelkajn francajn samideanojn uzataj kontraŭfundamente anstataŭ „al“ — la prepozicion „ĉe“ kun akuzativo ekz: „Li sin jetis ĉe liajn piedojn; li iris ĉe tajloron;—li ordonis porti ĉe vin“. En la frazo „La pentristo observis ĉielon, lumigita(!) de duba lumo“ pli korekta estus la akuzativon „lumigitan“. *A. G.*

**Br. Kuhl. Zwięzły podręcznik do nauki języka międzynarodowego Esperanto.** Kraków 1912. — Nakładem Tow. Esperanto. Skład główny Gebethner i S-ka. paĝoj 94. prezo 60 heleroj.

Nia esperanto-pola lernolibraro riĉiĝas per atentinda verketo. La tuta kurso konsistas el 12 lecionoj, aranĝitaj tre praktike, ĉar en ĉiu ni trovas parton teorian, ekzercojn kaj vortareton. S-ro Kuhl atentigas ĉiam la lernanton pri la similecoj kaj diferencoj inter Esperanto kaj la lingvo pola, kaj klarigas pli vaste la punktojn kiuj povus prezenti ian malfacilecon al la pola lernanto. Tiu-ĉi metodo estas tre ĝusta, kaj ĝi bedaŭrinde mankis en ĝisnunaj niaj lernolibroj plej parte tradukitaj el aliling-

vaj aŭtoroj. La rekomendinda verketo estas jam utile uzata en la antaŭkongresaj kursoj en Krakovo, sed ĝi povas ankaŭ bonege servi al memlernantoj. *A. G.*

**Walter Gordon. Kara Panjo**. Komedieto en unu akto. El angla lingvo tradukis Gego. Paris 1911. Presa Esperantista societo. Paĝoj 35 Prezo fr. 0,75 (Sm. 0,30).

La viroj estas sendube malbonaj, nedankemaj kreaĵoj. Kiam ili ĉesos moki siajn bonfarintinojn la senkulpajn bopatrinojn? Eble neniam, ĉar ankaŭ nia samideanaro, batalanta por ĉiuhoma frateco kaj justeco, ne povas seniĝi de la malnova, malbela kutimo. Tia senkulpa viktimo estas ankaŭ la „Kara Panjo", lerte esperantigita de s-ro Gego, kaj la senkoraj esperantistoj estos senindulgaj per sia malfeliĉa sorto kaj eble prezentos ŝin sur la scenejo por amuzi la rigardantaron, *A. G.*

**Lesage. Ĝil Blas de Santillana.** Ĉapitroj elektitaj kaj tradukitaj el la franca lingvo de Raoul Busquet. Paris 1912 Presa esperantista Societo. Paĝoj 76. Prezo 1 fr. 25 (Sm. 0,50).

La romano de Lesage aperinta unue inter la jaroj 1715—1735 famigis la aŭtoron en ĉiuj civilizitaj landoj. La amuzaj aventuroj de la titola heroo, la satiraj priskriboj de moroj kaj karakteroj ne perdis ĝis hodiaŭ sian freŝecon kaj estos plezure relegataj en esperanta traduko.

Ĉar la originala verko estas tro longa por la nuntempa gusto, do la tradukinto elektis nur 15 ĉapitrojn, kiuj ŝajnis al li la plej spritaj kaj viglaj. Li intencis laŭ sia esprimo „densigi" la observadon, satiremon kaj gajecon de la verko. Laŭ nia opinio ili faris bonan elekton, tamen la elektitaj fragmentoj ne donas ankoraŭ sufiĉan ideon pri la grandioza tutaĵo. La traduko estas bonstila. Ni atentigas nur pri la erareto en la frazo: „Mi estas certa, ke li ne min indulgus", en kiu „ne", metita ne ĝustaloke (antaŭ „indulgus") ŝanĝas la ĝustan sencon. *A. G.*

**Leo Tolstoj. Tri mortoj**. Kun permeso de la aŭtoro el la rusa lingvo tradukis M. Ŝidlovskaja. Paris. Presa esperantista societo. 1911. paĝ. 24,

La morto ne faras diferencon inter siaj viktimoj. Ĝi same senkompate forrabas la riĉan sinjorinon el la brakoj de ŝia amanta edzo kaj el la rondo de la malgrandaj infanoj, kiel la mizerulon - veturigiston de neniu priploratan, kiel ankaŭ la junan fraksenon, kiu pereas de hakilbatoj, kaj el kiu oni faras surtomban krucon.

La novelo, ornamita per bela portreto de la granda rusa verkisto, aperas en traduko bonstila, lingve tute korekta. La tradukantino, kontentiĝante per la fundamenta vortaro, ne ĉasas novajn vortojn, kaj tamen ŝi pruvas denove la fleksebleĉon kaj riĉecon de nia lingvo internacia. *A. G.*

**D-ro Andreo Fiŝer. Historieto de Esperanto.** Tiflis. Presejo „Esperanto" 1911. paĝ. 48. Prezo: Sm. 0,20. Aĉetebla ĉe la aŭtoro (15 Sudjebnaja str. Tiflis—Rusujo).

Tiu-ĉi verketo, premiita ĉe la literatura konkurso de la VII-a Universala Kongreso de Esperanto en Antverpeno, respondas al la ĉiam pli forte sentata bezono de mallonga historio pri nia lingvo kaj movado, kiuj baldaŭ festos la dudek-kvinjaran datrevenon de sia naskiĝo. La aŭtoro, kvankam li estis ligita per la antaŭdifinita, konkursa malgranda amplekso, sukcesis, dank' al sia konciza stilo, prezenti al ni tre riĉan materialon. En la interesa libreto, kiu estos kun plezuro de ĉiuj legata, la faktoj estas zorge kolektitaj kaj vere prezentitaj laŭ ĥronologia ordo. La datoj sur paĝo 8-a—1898 (lasta lerneja klaso de d-ro Zamenhof) kaj 1897 (apero de la unua lernolibro) estas evidentaj preseraroj anstataŭ 1878 kaj 1887. Krom tio ni atentigas la aŭtoron, ke antaŭ la eliro de la „Gefratoj" kaj „Princino Mary" aperis en la j. 1888-a la unua eldono de la „Neĝa blovado". *A. G.*

**Prof. D-ro Aug. Forel Kulturceladoj de la nuntempo.** Kun speciala permeso de l' aŭtoro tradukis D-ro Fr. Uhlman, Kusnacht. Universala Esperanta Librejo, rue de la Bourse 10, Ĝenevo (Svislando). 1911 paĝ. 52.

Tiu-ĉi verko prezentas la esperantigitan paroladon, kiun la fame konata profesoro kaj nia samideano d-ro Forel, faris en Berno por la Internacia Ordeno por Etiko kaj kulturo. La tradukinto, redaktoro de „la Nova Kulturo" monata esperanta gazeto por progresemaj kulturceladoj, ne povis elekti pli bonan propagandilon de la moderna liberpensa mondperceptado. Forel estas kiel filozofo monisto, deziranta apliki la akirojn de la scienco por reformo de etiko, medicino, leĝoscienco, teologio, arto, nacia ekonomio, politiko k. t. p. unuvorte en ĉiuj direktoj de la homara vivo. En speciala paragrafo li pritraktas la temon de lingvo internacia kaj deklariĝas kiel fervora adepto de Esperanto. La libron aplaŭdos ĉiuj liberpensuloj, mallaŭdos ĝin severe la konservativuloj kaj ĉiuj homoj religiaj; sed ĉar Esperanto ampleksas homojn de ĉiuj pensdi-

rektoj, do la apero de tiu-ĉi verketo klariĝas kaj praviĝas per si mem.

Ĉar la libro traktas pri tiom da sciencaj demandoj ni ne miras, ke al la tradukinto ne sufiĉis la kadroj de nia fundamenta vortaro, ni eĉ ne parolos pri dekduo da novaj vortoj kiel „abunda, heziti, akuzi, menso k. t. p.,“ kiuj akiris jam de sufiĉe longa tempo la rajton de civitaneco en nia literaturo, kaj renkontiĝas interalie en verkoj de d-ro Zamenhof kaj en la vortaroj de li eldonitaj. Ŝajnas, ke la milito, kiun kondukas kontraŭ ili la „Lingvo internacia“, konfuzas nur la fundamentanojn, ne sciantajn, kiun fine sekvi, kaj ke ĝi restos same vana, kiel antaŭe la kontraŭdiro de kelkaj unuaj esperantistoj, al kiuj malplaĉis kiel malnecesaj la novaj radikoj, aldonitaj en la fundamenta vortaro al la unua 900—radika vortareto. Fine ni ĉiuj kontentiĝis.

Tamen ŝajnas al mi, ke la tradukinto de la „Kulturceladoj“ devus esti ĉe enkondukado do novaj vortoj multe pli sindetenema. Lia verko estus pli facile komprenebla kaj li evitus la kritikon de multaj legantoj, kaj akcelus per tio la disvastigon de la libro.

Krom multaj novaj vortoj Dr. Uhlman enkondukas la sufikson „iv“ por formi la du vortojn „indukiva, instruiva“ anstataŭ la ĝisnunaj „indukcia, inst ua, ŝajne tute malnecese. Krom tio en la libro svarmas la sufikso „mis“, en misstato, misuzo, misformita, miskonado, nemiskonebla, misago, misdirektata k. t. p. S-ro U. eble ne scias, ke la slavaj popoloj ne havas en siaj lingvoj sufikson, egalvaloran kun „mis“. Ili do sekvante la klarigon de D-ro U. tradukos „mis“ per „malĝusta“, kaj komprenos malĝusta stato, malĝusta uzo, malĝuste formita, malĝusta ago, malĝuste direktata“. Se tion intencis d-ro U., kial li formis la sintezajn, pli malfacile kompreneblajn formojn? Sed, se li volis ekz. traduki la germanajn vortojn „Missetat“, „Misshandlung“ tiam, legante, misfaro, misago ni komprenos ne tion, kion li intencis. Ĉar Missetat ne signifas „malĝusta faro“, sed „krima faro“. Misshandlung ne estas „malĝusta ago“, sed „insulta ago“.

Ni vidas do, ke oni devas esti tre singardema en la pliriĉigado de nia lingvo, por ke la intencitaj ŝajnaj plibonigoj ne montriĝu poste nesufiĉe pripensitaj kaj ne difektu la lingvon. *A. G.*

**Lord Byron. Parizina.** El la angla poezio esperantigis D-ro Venancio da Silva. Paris. Presa esperantista societo. 1912 paĝ. 22.

La poezian rakonton de la genia brita poeto pri la malfeliĉa mortpunita amo inter la bastarda filo de markizo de Este kaj la juna edzino de tiu - ĉi lasta, tradukis d-ro da Silva tute korekte kaj bonstile en lingvon esperantan.

Ĉar la konservo de ritmo kaj rimo tre malfaciligas la laboron, kaj postulas specialan poezian talenton, do ni ne povas kulpigi la tradukinton, ke li donis al ni tradukon prozan, kvankam pro tio mankas en ĝi unu el ĉarmoj de la originalo. La formo de poeziaĵo estas ja preskaŭ tiel grava, kiel la enhavo. Nia samideano, la pola poeto Antoni Lange, majstro de la poezia formo, estis eble prava, dirante, ke la formo estas la duono de la enhavo.

Malgraŭ tiu rimarko la verketo estas vere leginda. *A. G.*

---

# Revuo de la Gazetoj.

(21|III) **La Tribuno** (Marto). Monata Organo de Univ. Studenta Unio, Redakcio — Utiel (Valencia) Hispanujo, abonpago—50 Sd.—jare.

La nova gazeto celas defendi studentajn interesojn, doni bazilon por propagando de Esperanto inter ge studentaj rondoj, instigi la diversnaciajn studentojn al frateca unuiĝo kaj tial ĝi estas subteninda.

(22|III) **Juna Esperantisto** (Marto).

(22|II) **Tutmonda Espero** (Marto).

(22|III) **Norvega Esperantisto** (Februaro)

(22|III) **La Kulturo** (Marto).

(25|III) **La Verda Standardo.** (Marto).

(25|III) **Kovno-Esperanto** (Marto).

(25|III) **Germana Esperanto-Gazeto** (17 kaj 24 Marto).

(28|III) **Lingvo Internacia** (Marto).

(28|III) **Amerika Esperantisto** (Marto).

(28|III) **La Langue Internationale Esperanto**

(28|III) **Monda Poŝto** (25 Marto).

(28|III) **Esperanto** (20 Marto).

(28|III) **Germana Esperantisto** (Marto—eld. B.).

(29|III) **Universo** (I-a kajero de 1912 j.).

Plezure ni trovas ĉi tie rememorojn pri fama pola literaturisto Józefo Ignacio Kraszewski. La grandan artikolon lerte kaj detalplene verkis nia senlaca samideano A. B. Brzostowski, estinta bibliotekisto de la mortinta aŭtoro, de tiu ĉi vere „giganto de laboro“, pri kies rolo en pola nacio skribis eminenta poetino M. Konopnicka:

„Antaŭ Via popolo, kiel torĉo hela,
Vi iris lumradia, dum la nokt' senstela...
Vi estis, kiel gruo, en front', sub ĉielo
Antaŭ longa vic-flugo, kiel blanka velo...
Kiel sperta gvidisto de la ŝip' sur maro,
Vi sciis, kie ŝipon minacas rifaro...

— — — — — — — — — — — —

Vi estis kiel sango en vejnoj naciaj,
Vi estis la animo kaj brust-spiroj niaj!"

(**Trad. M. Cz.**).

La artikolo estas nur parto (komenco) de la aperonta enlibre verko pri Kraszewski, de S-o A. B. Brzostowski, kiun ni varme gratulas pro lia bela, kaj patriota laboro.

La personaj rememoroj pri Kraszewski de S-ro Brzostowski aperis jam ankaŭ en pola lingvo (Biblioteka Dzieł Wyborowych).

En la sama numero de „Universo" ni ankaŭ trovas artikolon pri pola poetino M. Konopnicka kaj versajon de la poetino: „Antaŭ la juĝeja krado" — trad. de „Polino".

Red-on D-ron Albert Schramm, kiu tre ofte dediĉas la lokon al polaj temoj, ni, Poloj, devas varme danki pro lia simpatia rilato al Polujo.

(29|III) **Germana Esperanto-Gazeto** (3 k. 10 Mar.).

(29|III) **La Marto** (Marto).

(29|II) **Danubo** (Februaro).

(30|III) **La Ondo de Esperanto** (Aprilo).

(1|IV) **Antaŭen!** (Aprilo).

(2|IV) **Internacia Stenografia Gazeto** (Dec.).

(2|VI) **La Revuo** (Marto).

„Dank' al nia bona akuzativo, dank' al la kunakordiĝo de l' substantivo kaj adjektivo pri nombro kaj kazo, dank'al aliaj lertajoj, Esperanto estas multe pli fleksebla, ol iu ajn alia lingvo, kaj multe pli ebligas, ke ĉiu aŭtoro ne tro deflankiĝu de siaj naciaj kutimoj. Tamen por la faciligo de la interkompreneblеco, precipe por la rapida legebleco kaj rapida konversacio, estas nepre necese, ke la Esperantistoj penadu uzi samajn parolturnojn kaj similajn esprimanierojn.

Kial samnacianoj tiel facile sin interkomprenas malgraŭ rapidega prononcado, malgraŭ ke kelkaj formanĝas la duonojn de la diritaj vortoj? Tial, ke en ordinara konversacio oni uzas nur tipajn frazojn, ofte ripetitajn vortojn kaj ke sekve sufiĉas, ke oni aŭdu nur parton de la paroloj por kompreni, aŭ pli bone diveni, la tuton. Kial same ni tiel facile tralegas ĉiutagan gazeton? Tial, ke ĝiaj redaktoroj uzas banalan stilon. Sed iru aŭskulti la kurson de profesoro de filozofio, kiu parolas pri ideoj de vi nekonataj, iru aŭskulti aktoron, kiu deklamas versojn. Se la profesoro aŭ la aktoro ne malrapide parolas, zorge elartikiginte ĉiujn vortojn, vi nenion komprenos, kvankam tio estas dirita en via patra lingvo.

Estas same, kaj eĉ pli grave, koncerne lingvon internacian.

Se ni volas, ke ĝia legado estu senpena kaj ne estu necese je ĉiu momento kvazaŭ fari gramatikan analizon por deĉifri la tekston, urĝas, ke ni alprenu komunan stilon".

Kial la redakcio permesas al siaj laborantoj skribi: „*Bilingve* redaktante la oficialajn tekstojn" k. t. p. (vidu p. 121—rozkolora, 6-a verso de malsupre). Ĉu la vorto. *Dulingve* estas nekomprenebla? Kia „*misuza*" menvolo!

(2|IV) **Paris Esperanto** (Aprilo).

(2|IV) **Okcident-Hungara Stelo** (Marto) Ofic. organo de la pezsonya Esp. Grup., abonpago 1,20 Sm. jare; redakcio—Pozsony, Hungarujo

(3|IV) **The British Esperantist** (Aprilo).

(5|VI) **Franca Esperantisto** (Aprilo).

(5|IV) **La Movado** (Aprilo).

(5|IV) **Mitteilungen** (Aprilo).

(6|IV) **La Marto** (20 Septembro, 20 januaro kaj 20 februaro).

(10|IV) **La Dek-Sepa** (Aprilo).

(10|IV) **Bulletin Officiel** (Aprilo).

(10|IV) **La Langue Internationale** (Marto).

(10|IV) **La Holanda Pioniro** (Aprilo).

(10|IV) **Itala Esperantisto** (Febr.—Marto).

(10|IV) **Oficiala Gazeto Esperantista** (Marto).

(10|IV) **Kataluna Esperantisto** (Aprilo).

(10|IV) **Esperanto** (5 Aprilo).

(13|IV) **Nederlanda Katoliko** (Aprilo).

(13|IV) **Normanda Stelo** (Aprilo).

(14|IV) **Germana Esperanto-Gazeto** (31 Marto kaj 7|14 Aprilo) kun la aldono „*Informanto*" kaj literaturajo: „La urbo de Belega Sensencajo (komenco).

(14|4) **Germana Esperanto-Gazeto** (7|14 Aprilo)

(17|IV) **Espero Katolika** (Aprilo).

(17|IV) **Le Travailleur Esperantiste** (Marto).

(17|IV) **Mitteilungen** (Aprilo).

(17|IV) **La Kroniko** (Februaro—Marto).

(18|IV) **Greklingva Esperantisto** (Febr.-Marto).

(19|IV) **Le Phare Sténographique** (Aprilo).

(19|IV) **Le Monde Espérantiste** (Aprilo).

(22|IV) **La Kulturo** (Aprilo).

(23|IV) **Germana Esperanto-Gazeto** (21 Aprilo).

(24|IV) **Esperanto** (20 Aprilo).

(25|IV) **Cuba Esperantisto** (Februaro).

(26|IV) **Sicef** (Aprilo).

(26|IV) **Itala Esperantisto** (Aprilo).

(26|IV) **Aŭstria Esperantisto** (Aprilo).

(26|IV) **Belga Esperantisto** (Aprilo).

(26|IV) **Juna Esperantisto** (Aprilo).

(26|IV) **Finna Esperantisto** (Aprilo).

(26|IV) **Bohema Revuo Esperantista** (Marto).

(27|I) **La Esperantisto** (Aprilo).

(27|IV) **Amerika Esperantisto** (Marto).

---

**Do niniejszego numeru załącza się kongresowe „Aliĝilo". Życzący sobie wziąść udział w VIII Kongresie raczą je wypełnić i łącznie ze składką kongresową (6 sm = 5 rb. 75 k.) i swą fotografją (do albumu) odesłać pod adresem „Esperantista Kongreso en Kraków" albo wprost do naszej Redakcji (Warszawa, Włodzimierska 8).**

# Lingva anguleto.

**Pri la konservado de nia lingvo.**

„Antaŭ ĉio ni devas respekti la bazon de nia kara lingvo. Nia konstruajo ripozas ne sur sablo, sed sur fortika fundamento, al kiu ni povas plene fidi; ni ne povas ŝanĝi tie kaj tie kelkajn ŝtonojn por kvazaŭ pliperfektigi ĝin; ni riskus baldaŭ defaligi la tutan elstariĝon... La nuna stato de la Ida lingvo, post tiom da senĉesaj ŝanĝoj, pruvas pli ol ĉiuj rezonadoj, ke ni ne devas sekvi la samajn erarojn! Ni ne forgesu, ni, la unuaj batalantoj de nia kara lingvo, ke ĝi estas nia infano, ke de la momento, kiam ĝi naskiĝis, ni zorge evitis al ĝi ĉiujn deflankiĝojn de la rekta vojo, kiel decas fari atentemajn ĝepatrojn; nia infano ne estas ankoraŭ matura, ĝi bezonas ankoraŭ esti longe direktata sur la malfacila vojo de l' vivo, ni ne devas toleri, ke ĝi alprenu malbonajn kutimojn aŭ esprimojn, por ke, kiam ĝi povos mem konduti tra la vivo, ĝi ne estu fariĝinta sentaŭgulo! Nia kara lingvo, tia kia ĝi estas, plene taŭgas, ĉiurilate, kaj ĝia evolucio ĉiutage pli kaj pli plenumiĝas. Ĝi restu vivanta lingvo de libera popolo!"

(*el „La Deksepa"*)

# Konkursoj kaj problemoj.

La konkurson por traduko de la versajo de M. Konopnicka „Do Kobiety" (Al virino), kvankam ni ĝis nun jam ricevis kelkajn laborojn, ni pokrastas ĝis 1-a de Junio.

Ni rememorigas pri ĝi kaj invitas esperantajn poetojn partopreni ĝin.

La konkursa juĝo konsistos el tri kompetentaj personoj el Varsovio, Krakovo kaj Lvovo.

# Humoraĵoj.

**Denove li kaŭzas penadon.** En eleganta restoracio gasto estis servata per riĉa menuo. Kiam li estis fininta, li alvokis la direktiston kaj demandis lin: „Ĉu vi ankoraŭ memoras min? Antaŭ kelkaj semajnoj mi estis ĉi tie, kaj pro tio, ke mi ne povis pagi, vi ĵetigis min". La direktoro videble embarasiĝis: „Jes, certe, sed vi ja komprenos, sinjoro, okazintaĵo malagrabla ...mi ja nur esperas, ke hodiaŭ vi estis kontentigita!"—„La manĝaĵo estis bonega, la vino neriproĉebla; la cigaro tie ĉi estas vere nekomparebla.—Sed tamen mi devas bedaŭri, sinjoro direktanto—denove mi nun devas kaŭzi ke vi penadu..."

(*„Germ. Esp.-Gaz."*)

**En stacidomo.**—Mi petas, donu al mi 2½ biletojn,—sin turnas al la kasisto sinjorino, akompanata de vartistino kun knabo.—Kasisto.—Ne, por la knabo bonvolu aĉeti ordinaran bileton, ĉar li ne rajtas ricevi duonbileton. Jen li ja surhavas longan pantalonon.—Nu, tiaokaze mi petas donu nur 1½ biletojn, se vi vendas laŭpantalone.—Kial do? — Jen, la knabo surhavas longan pantalonon, li bezonas unu bileton; mi havas mallongan — sekve por mi donu ½ bileton. Kaj la vartistino bezonas nenian bileton, ĉar ŝi uzas nenian pantalonon.

(*„La Ondo de Esp."*)

# Respondoj de la Redakcio.

*Al S-o W. Niżnik en Lwów.* Ni dankas pro la alsendita cirkulero.

*Al S-o R. Fridrich en Prostejew.* Dankon pro la komuniko.

*Al S-o Sallviro en Łódź.* Dankon!

*Al S-o A. Brzeziński en Poznań.* Dankon pro viaj komunikoj!

*Al S-o Radzimiński en Zap. Kam.* La afiŝojn ni ricevis. Dankon! Korajn gratulojn por Via sukcesoplena kaj senlaca poresperanta laboro!

Redaktor-Wydawca Eldonanto-Direktoro Jan Günther. Tel. 204-60. Sekretarz Sekretario M. Czerwiński

Presejo: L. Bogusławski, Varsovio. S-o Krzyska 11, tel. 195-52.

ślego znaczenia (np. *ĝoji je tio* cieszyć się *z* tego; *malsana je la okuloj* chory *na* oczy; *enuo je la patrujo* tęsknota *za* ojczyzną i t. p.). Jasność języka wcale wskutek tego nie szwankuje, albowiem w tym razie wszystkie języki używają jakiegokolwiek przyimka, byle go tylko zwyczaj uświęcił; w języku zaś międzynarodowym sankcya we wszystkich podobnych wypadach nadana została *jednemu* tylko przyimkowi *je*. Zamiast przyimka *je* używać też można biernika bez przyimka tam, gdzie nie zachodzi obawa dwuznaczności.

15) Tak zwane wyrazy „cudzoziemskie" t. j. takie, które większość języków przyjęła z jednego obcego źródła, nie ulegają w języku międzynarodowym żadnej zmianie, lecz otrzymują tylko pisownię języka Esperanto; przy rozmaitych wszakże wyrazach jednego źródłosłowu, lepiej używać bez zmiany tylko wyrazu pierwotnego, a inne tworzyć według prawideł języka międzynarodowego (np. *teatro* — teatr, lecz teatralny — *teatra*).

16) Końcówkę rzeczownika i przedimka można opuścić i zastąpić apostrofem (np. *Vagner'* zam. *Vagnero*, *de l' mondo* zam. *de la mondo*).

## Słowa pochodne.

Z każdego pierwiastka w języku Esperanto można zgodnie z zasadami gramatycznemi i prawidłami formować sobie wiele wyrazów pochodnych. Dzięki temu słownik niezbędny do potocznej rozmowy, może być zredukowany do rozmiarów minimalnych. Ażeby z jednego wyrazu formować inne wyrazy, posiłkujemy się:

1) Końcówkami gramatycznemi np.: *koler***i** gniewać się, *koler***o** gniew, *koler***a** gniewny, *koler***e** gniewnie, *mi koler***as** gniewam się; *mort***i** umierać, *mort***o** śmierć, *mort***a** śmiertelny, *mort***into** nieboszczyk; *tuj* zaraz, *tuj***a** natychmiastowy; *parol***i** mówić, *parol***o** mowa, *parol***anto** mówca i t. p.

2) Łączeniem słów; np.: *eniri* wchodzić (*en* w, *iri* chodzić), *eliri* wychodzić (*el* z, wy...), *aldoni* dodawać (*al* do *doni*, dawać); *ŝvitbanejo* łaźnia (*ŝviti* pocić się, *banejo* łazienka); *vaporŝipo* parostatek (*vapor'* para, *ŝip'* okręt).

3) Dodawaniem do pierwiastków prefiksów (przybranek) i sufiksów (przyrostków), które mają znaczenie oddzielnych słówek; każdy z nich ma swoje określone znaczenie i znajduje się w słowniku.

## PREFIKSY.

**mal** — oznacza wprost przeciwieństwo, np *bona* dobry, *malbona* zły („nie dobry" tłómaczy się *ne bona*), *estimi* szanować, *malestimi* pogardzać, *bela* piękny, *malbela* brzydki, *beni* błogosławić, *malbeni* przeklinać.

**bo**—powinowactwo, np.: *patro* ojciec, *bopatro* teść, *bopatrino* teściowa, świekra, *frato* brat, *bofrato* szwagier, *filino* córka, *bofilino* synowa.

**ge** — dwoje osobników różnej płci, np.: *patro* ojciec, *gepatroj* rodzice, *mastro* gospodarz, *gemastroj* oboje gospodarstwo.

**ek**—początek lub krótkotrwałość, np.: *kanti* śpiewać, *ekkanti* zaśpiewać, *brili* błyszczeć, *ekbrili* błysnąć. (Porów. sufiks ad).

**re**—zwrot, powtórzenie, np.: *iri* iść, *reiri* wrócić, *doni* dać, *redoni* oddać, *reveni* powrócić.

**dis** — roz-, np.: *ĵeti* rzucić, *disĵeti* rozrzucić, *disdoni* rozdać.

## SUFIKSY.

**in**—oznacza rodzaj żeński, np.: *patro* ojciec, *patrino* matka, *frato* brat, *fratino* siostra, *koko* kogut, *kokino* kura, *bovo* wół, *bovino* krowa.

**id**—dziecię, potomek, np.: *hundo* pies, *hundido* szczenię, *koko* kogut, *kokido* kurczę, *bovido* cielę.

**vir**—oznacza płeć męzką, np.: *ĉevalo* koń, *ĉevalviro* ogier, wałach; *virhundo* pies, samiec.

**an**—członek, mieszkaniec, np.: *regno* państwo, *regnano* obywatel, *vilaĝo* wieś, *vilaĝano* wieśniak, *Varsoviano* Warszawianin.

**ul**—osoba z pewnym przymiotem, np.: *malsaĝa* głupi, *malsaĝulo* głupiec, *riĉa* bogaty, *riĉulo* bogacz.

**ist**—zajmujący się pracą, rzemiosłem, specyalnością, np.: *laboro* praca, *laboristo* robotnik, *boto* but, *botisto* szewc, *lavi* prać, *lavistino* praczka, *kuraci* leczyć, *kuracisto* lekarz, *ŝteli* kraść, *ŝtelisto* złodziej.

**estr** — zwierzchnik, np.: *ŝipo* okręt, *ŝipestro* kapitan okrętu, *regno* państwo, *regnestro* panujący.

**ar** — zbiór, np.: *arbo* drzewo, *arbaro* las, *ŝtupo* stopień, *ŝtuparo* schody, *vorto* wyraz, *vortaro* słownik, *militistaro* wojsko.

**er**—cząstka zbiorowej całości, np.: *sablo* piasek, *sablero* ziarnko piasku, *fajro* ogień, *fajrero* iskra.

**ec** — przymiot jako oddzielne pojęcie, np.: *bela* piękny, *beleco* piękność, *bona* dobry, *boneco* dobroć, *virino* kobieta, *virineco* kobiecość, *amiko* przyjaciel, *amikeco* przyjaźń.

**aj**—rzecz z określonym charakterem lub produkt z danego materyału, np.: *malnova* stary, *malnovajo* starzyzna, *fruktajo* coś zrobionego z owoców.

**il**—narzędzie, np.: *haki* rąbać, *hakilo* siekiera, *kudri* szyć, *kudrilo* igła, *tondi* strzydz, *tondilo* nożyce.

**ing** — przedmiot, służący do obsady innego przedmiotu, np.: *kandelo* świeca, *kandelingo* świecznik, *plumo* pióro, *plumingo* obsadka.

**uj**—rzecz zawierająca.., roślina wytwarzająca..., kraj, np.: *cigaro*, cygaro, *cigarujo* cygarnica, *pomo* jabłko, *pomujo* jabłoń, *polo* Polak, *Polujo* Polska.

**ej**—miejsce do pełnienia danej czynności, np.: *kuiri* gotować, *kuirejo* kuchnia, *preĝi* modlić się, *preĝejo* kościół, *lernejo* szkoła.

**et** — zdrobniałość lub zniżenie stopnia przedmiotu, np.: *monto* góra, *monteto* górka, wzgórek, *ridi* śmiać się, *rideti* uśmiechać się, *dormi* spać, *dormeti* drzemać.

**eg**—wzmożenie się co do wielkości lub co do natężenia, np.: *pordo* drzwi, *pordego* brama, *pluvo* deszcz, *pluvego* ulewa, *varma* ciepły, *varmega* gorący.

**ig**—czynić czem, jakiem, skłaniać do czego, np.: *pura* czysty, *purigi* czyścić, *morti* umierać, *mortigi* zabijać, *edzigi* żenić.

**iĝ**—stawać się, np.: *pala* blady, *paliĝi* blednąć, *fianĉo* narzeczony, *fianĉiĝi* zaręczyć się, *al* do, *aliĝi* przyłączyć się.

**ind** — godzien, wart, np.: *kredi* wierzyć, *kredinda* wiarogodny *laŭdi* chwalić, *laŭdinda* godny pochwały, *memori* pamiętać, *memorinda* godny zapamiętania.

**ebl**—możliwy, np.: *fleksi* giąć, *fleksebla* giętki, *povi* módz, *povebla* możliwy

**em**—skłonność, np.: *kredi* wierzyć, *kredema* łatwowierny, *ŝpari* oszczędzać, *ŝparema* oszczędny

**ad**—częstotliwość lub trwanie, np.: *iri* iść, *iradi* chodzić, *esti* być, *estadi* bywać. (Porównaj: ek).

**ĉj** — zdrobniałe imiona własne męskie, np.: *Petro*, Piotr, *Peĉjo* Piotruś, *Jaĉjo* Jaś.

**nj**—zdrobniałe imiona własne żeńskie, np.: *Mario* Marya, *Manjo* Mania, *Helenjo* Helenka.

**um**—nie ma określonego znaczenia i używa się w tych razach, gdy inny sufiks niedość określiłby wyraz dany, np.: *plena* pełny, *plenumi* spełnić.

## En la Administracio de „Pola Esperantisto" estas aĉeteblaj

ELDONOJ DE JAN GÜNTHER:

| | |
|---|---|
| „LA JUĜO DE OZIRIS" — belega satira majstro-verko de Henryk Sienkiewicz, trad. *A Grabowski* | 20 k. |
| „KIO OKAZIS FOJE EN SIDONO" — novelo de H. Sienkiewicz, tradukis *A. Grabowski* | 25 k. |
| „PROTESILAS KAJ LAODAMIA". Tragedio de St. Wyspiański, trad. *D-ro Leono Zamenhof* | 50 k. |
| „EN FUMEJO DE L' OPIO" — novelo de Władysław Reymont, tradukis *D-ro K. Bein (Kabe)* | 20 k. |
| „AVE PATRIA, MORITURI TE SALUTANT" de Władysław Reymont, trad. *D-ro Leono Zamenhof* | 25 k. |
| „CONSILIUM FACULTATIS" unuakta komed. de J. A. Fredro, trad. el pola lingvo *A. Grabowski* | 40 k. |
| „NOVA ANTOLOGIO" kolekto de poemoj de diversaj poetoj, tradukis *A. Grabowski* | 25 k. |
| „NI SEKVU LIN" novelo de H. Sienkiewicz Tradukis *Br. Kuhl* (62 paĝ.) | 40 k. |
| „KELKAJ NOVELOJ" el diversaj aŭtoroj. Trad. *A. Ossowski, H. Hempel, Kuhl, Gorgan, N. Kordo* | 25 k. |
| „MIA LIRO", kolekto de poemoj de D-ro Leono Zamenhof (Lozo) | 25 k. |
| „IMPROVIZACIO de KONRAD" el „Dziady" de A. Mickiewicz, trad. *Roman Iwo Dobrzański* | 25 k. |
| „ANTAŬEN KUN KREDO!" jarlibro de „POLA ESPER." por 1911 j.—50 k; por neabonantoj | 1.00 k. |
| „LA NEĜO", 4 akta tragedio de S. Przybyszewski, trad. *T. Ficowski*; por neabonantoj | 50 k. |

Aparte broŝuritaj el la jarlibro „Antaŭen kun kredo!":

| | |
|---|---|
| „HISTORIOZOFIO DE LINGVO INTERNACIA" de *St. A. Dobrzański* | 05 k. |
| „MIA POŜHORLOĜO" novelo de M. Konopnicka trad. *Kazim. Bein (Kab* | 15 k. |
| „PAX" novelo de Jerzy Żuławski, trad. *Wł. Grabowski* (Krakovo) | 20 k. |
| „SOMMO-SIERRA" la fragmento el „Uragano" de Wł. Gąsiorowski trad. *D-ski* | 10 k. |
| „LA ĜEMO DE l' VIVO" el „Pan Graba" de Eliza Orzeszkowa trad. *M. Czerwiński* | 15 k. |
| „LIBROJ DE PROFETOJ" filozofiaj poemoj de Antoni Lange, trad. *A. Grabowski* | 15 k |
| FABELO PRI LA HOMO FELIĈA" novelo de Jerzy Żuławski, trad. *M. Czerwiński* | 15 k. |
| „NALO KAJ DAMAYANTI" el sanskrito trad. de *Antoni Lange* | 15 k. |
| TRI NOVELOJ": EN AUTUNA VESPERO de Kończyński trad. *Gacki*, DEFENDO DE L' HONORO de Groller, LA ARLEKENO de Korczak trad. *Bejot* | 15 k. |
| „AŬTUNAJ AGORDOJ" poemoj de Leopold Staff trad. *Julian Tuwim* | 10 k. |
| „AL MOKANTOJ" originala artikolo de *St. A. Dobrzański* | 05 k. |

| | |
|---|---|
| „ADRESARO de POLAJ ESPERANTISTOJ" 1909 J. Prilaboris A. B. Brzostowski | 10 k. |
| „JĘZYK MIĘDZYNARODOWY ESPERANTO", arkusz propagacyjny,—1 k., 100 egz. | 85 k. |
| „KLUCZ ESPERANTO" de Ĉefeĉ, pola eldono, 2 k., 50 egz.—80 k.; 100 egz. | 1.50 k. |
| „SŁOWNIK ESPERANCKO-POLSKI" na jednym arkuszu. Naklejony 15 k., nienaklejony | 05 k. |
| „SŁOWNIK ESPERANCKO-POLSKI" w broszurze, wydanie „Pola Esperantisto" | 20 k. |
| „LA TAGIĜO", esperantista kanto de A. Grabowski (kun notoj) | 10 k. |
| „KIEL ROMPITA VENTE ARBETO", Ario el opero „Halka", kun notoj. Trad. *A. Grabowski* | 10 k. |

Jarkolekto 1908 de „POLA ESPERANTISTO"—broŝurita
Jarkolekto 1909 de „POLA ESPERANTISTO"—nebroŝurita
Jarkolekto 1910 de „POLA ESPERANTISTO"—nebroŝurita
Jarkolekto 1911 de „POLA ESPERANTISTO"—nebroŝurita
po Rb. 1.50 — $ 1.60

Por la Abonantoj de „POLA ESPER." la supre nomitaj prezoj estas malgrandigataj.

---

Jako najlepszy podręcznik do nauki Esperanta dla początkujących poleca się:

| | |
|---|---|
| **Gramatyka i ćwiczenia** L. L. Zamenhofa, wyd. Arcta | 25 k. |
| **Słownik esperancko-polski** na jednym arkuszu | 5 k. |
| „ „ „ naklejony na tekturę | 15 k. |

Do dalszej nauki polecamy:

| | |
|---|---|
| **Fundamenta Krestomatio** L. L. Zamenhofa | rb. 1.40. |
| **Większy słownik polsko-esper.** A. Grabowskiego | rb. 1.60. |
| **Obszerny słownik esper.-polski** S. Czarnowskiego | rb. 0.60 |
| **Gramatyka Języka Esperanto** A. Zakrzewskiego | rb. 0.80. |
| **Unua Legolibro** d-ra Kazimierza Beina | rb. 0.75. |
| **Kondukanto** (Przewodnik) A. Grabowskiego | rb. 0.90. |
| **„Esperantysta Polski"**, miesięcznik w języku polskim i esperanckim, rocznie z „Dodatkiem literackim" z przes. poczt. | rb. 2.50 |

**Powyższe książki nabywać można za pośrednictwem Adm. „Esperantysty Polskiego", Warszawa, Hoża № 20.**

# Wydawnictwa propagacyjne.

**„Język Międzynarodowy Esperanto"**. Arkusz propagacyjny. Zawiera obszerny artykuł, kompletną gramatykę i skrócony słownik. Cena 10 egz.—10 k.; 50 egz.—45 k.; 100 egz. — 85 k.; 500 egz. — 2 rb.
**„Klucz Ĉefeĉ'a"**, wydanie polskie, lekkie (1/3 łuta). 1 egz.—2 k; 50 egz.—80 k., 100 egz.—1 r. 50 k.
„ „ na papierze grubszym, z okładką kolorową. 1 egz. 3 k.; 50 egz.—1 r., 100 egz. 1 r. 75 k.
„ „ w językach franc., niem., angiel., włosk., szwed., hiszp., katal., węgiersk., duński czesk., portug., ros., rumun, kroack. holend.; pojedyncze egz. po 3 k.; 10 egz.—25 k.
**KARTY POCZTOWE** z polskim tekstem propagacyjnym. Ozdobne po 2 k.; 10 szt.—15 k; 100 szt.—1 r. 00.
„ „ Zwyczajne po 1 k.; 10 szt.—8 k.; 100 szt.—70 k.
*Do nabycia w Administracji „Esperantysty Polskiego", Hoża 20 m. 12, oraz — w księgarniach.*

# Obszerny Słownik Esperancko-Polski

zawierający około 7000 pierwiastków i słów pochodnych

⊙⊙⊙⊙⊙⊙ ułożył St. Czarnowski. ⊙⊙⊙⊙⊙⊙⊙

**Cena 60 kop.**

**Do nabycia w księgarniach**

# RUCH

wychodzi w Warszawie 11 i 26 każdego miesiąca pod redakcją **WŁADYSŁAWA R. KOZŁOWSKIEGO** z udziałem wybitnych sił swojskich i obcych dwutygodnik poświęcony sprawom wychowania fizycznego i normalnego rozwoju ciała, z osobnym dodatkiem książkowym p. n. „Książnica Ruchu". Nader nizka przedpłata — **rb. 2 kop. 70 rocznie** w Warszawie i o kop. 70 drożej na prowincji — umożliwia trzymanie „RUCHU" wszystkim, co się prawdziwie i poważnie interesują sprawą normalnego rozwoju ciała obecnego i przyszłych pokoleń. Zeszyt okazowy otrzymać można za nadesłaniem kop. 15 (można markami). Adres Redakcji: **Wielka № 11 m. 8. telefon № 153-45.**

# Germana Esperantisto

**Duonmonata gazeto por la disvastigo de la lingvo Esperanto**
La gazeto aperas en **du eldonoj**, kiuj duonmonate alternas.
**Eldono A**, eliranta la 5 an de ĉiu monato, celas la propagandon por Esperanto.
**Eldono B**, eliranta la 20 an de ĉiu monato, estas pure literatura.
Jara abonprezo por Germanujo kaj Aŭstrio-Hungarujo 4 M. (2 Sm.), por ĉiuj aliaj landoj 2.250 Sm.
La abonoj nur komenciĝas en Januaro, Aprilo Julio kaj Oktobro.
Laŭdezire oni povas **aparte aboni ĉiun el ambaŭ tute sendependaj eldonoj** por la **duono** de la supre montritaj prezoj.
Esperanto Verlag Möller i Borel, Berlin SW., Lindenstr. 18/19.

# DANUBO

**Monata organo de la rumanaj kaj bulgaraj Esperantistoj.**
**Internacia gazeto nur en Esperanto.**
**Enhavas:** abundan kvanton da plej interesaj kaj zorge elektata Literaturo; interesajn «Miksaĵoj»; multpaĝan rubrikon «Krestomatio por Infanoj kaj Komencantoj»; artikolojn pri Esperanto, Esperantismo, Arto, Scienco, k. a.; zorge redaktatan „Esperantista Movado"; konstantajn rubrikojn «Diversaĵoj», «Bibliografio»; k. t. p., k. t. p.
**Fundamenta, korekta stilo! Enhavoriĉa kaj malkara!**
Redakcio kaj Administracio:
5, Str. I. C. Bratianu, **Bucuresti** (Rumanujo)
Jara abono: **1.40 Sm.** (Fr. 3.50)
—Specimena n-ro nur kontraŭ respondkupono.—

# The British Esperantisto

VIII-a jaro. — Mondkonata pro sia pura stilo en literaturo! Aperas ĉiumonate!
Speciale redaktita fakon pri Tutmonda Kroniko
*Jarabono:* Fr. 4 (1,50 Sm.).
Adreso:
Museum Station Buildings 133—136, High Holborn. London.

# TUTMONDA ESPERO

**Ĉiumonata ilustrita revuo,**
*organo de la Kataluna esperantistaro:*
Aperas nur en esperanto. Literaturo, enlanda kaj eksterlanda movado, rakontoj, amuzaĵoj k. t. p.
**Jara abono: 1.60 Sm.**
Redakcio kaj Administracio:
**Tallers, 81—Barcelona, Hispanujo.**

# Greklingva Esperantisto

Oficiala organo de Samosa Esper. Societo.
**Jarabono: Sm. 1,20.**
*Red.* D-ro Anakreon Stamatiadis, *Samos* (Malgranda Azio).
*Abonejo:* Moskva librejo „Esperanto". Tverskaja, 26.

# „LA KORESPONDANTO"

Semajna gazeto redaktata nur en Esperanto. Sola revuo en la Kontinento, kiu (krom novajoj kaj gravaj demandoj) publikiĝas meteorologian artikolon por *science* anonci la veteron, *15 tagojn antaŭe*, en la tuta Eŭropo.
Ilustrata. 16—12 paĝojn. Dum 1912, *ĉiu* abonanto regule ricevos la *veterkarton*-afiŝeblan. Jarabonprezo eksterlande: 10 frank.
Adreso: *La Korespondanto, Valencia (Hisp).*

Druk L. Bogusławskiego, Ś-to Krzyzka 11, tel. 195-52.